# INTERNACIA ĴURNALISTO

n-ro 3/92






Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)







## ENHAVO


**Amatoroj - profesiuloj**
Problemoj pri membreco

**Internacia tago de ĵurnalisma libereco**

**KSKE-Ĉarto por Libera Ĵurnalismo**

**Ĉu nepras elfenestriĝi etikoj?**
Pri brita gazetaro

**Inflacio grimacas**
Problemoj en Ruslando

**Speciala dosiero por ĵurnalistoj**
Informado pri Esperanto

**Printi, presi kaj aliaj terminoj de presarto**

**Kiel eviti malsanon antaŭ ekrano de komputilo?**

**Jen la kandidatoj**
Estrar-elektoj

**Laborplano de TEĴA**


## Por senproblema interkomunikado

La Eŭropa Esperanto-Kongreso okazinta de 5a ĝis 10a de junio en Verono (Italio) okupiĝis pri la problemoj de interkomunikado en Eŭropa Komunumo. En rezolucio ĝi atentigas, ke la ĝisnuna politiko de multlingvismo ne kondukas al la dezirataj celoj sed al ĉiam pli granda malegaleco „kun fakta superrego de unu aŭ du lingvoj". La kongreso postulas, ke la koncernaj instancoj reekzamenu la lingvan problemon kaj apogu „larĝan eksperimentadon pri la eduka valoro de Esperanto, precipe kiel preparo al ĝenerala lingvolernado".

*KOLOFONO*

**INTERNACIA ĴURNALISTO**
Organo de
TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)
Aperas 4foje dum jaro.
Redakcio: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, D-8900 Augsburg, Germanio , tel./telefakso (49) 821 / 520385
Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio.
*Verantwoordelijke uitgever:*
Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen

ESTRARO DE TEĴA:

Prezidanto: Stefan MAUL, Pferseer Str. 15, D-W-8900 Augsburg, Germanio

Vicprezidanto: Paŭlo GUBBINS, 3 Arden Court, Mossley, Congleton, Cheshire CW12 3JH, Britio

Ĝenerala Sekretario: Evgeni GEORGIEV, Baĉo Kiro 35/II, BG-1202 Sofia, Bulgario

Kasisto: Dino FABRIS, Borgo Bassano 1, Box 49, I-35013 Cittadella (PD), Italio

Estraranoj:
Davor GRGAT, Paiĉeva 21, YU-58000 Split, Jugoslavio

Walter HABERL, Radio Wien ORF, Esperanto-redakcio, poŝtfako 700, A-1041 Wien, Aŭstrio

Lech KOSIENIAK, ul. Piekna 16 b/9, PL-00539 Warszawa, Pollando

Stano MARĈEK, Slovenská 15, CS-036 01 Martin, Ĉeĥoslovakio

Vasilij STANOVIĈ, str. Samborska 78, kv. 34, Lvovskaja oblastj, SU-293720 Drogobic, Sovetio

# OFICIALAJ INFORMOJ de la TEĴA-estraro

**Invito al la membrokunveno dum la Universala Kongreso en Vieno, mardo, 28a de julio 1992, 17.30 h, en salono Grabowski**

## TAGORDO

1. Malfermo fare de la prezidanto
2. Agad-raporto de la estraro (ĝenerala sekretario)
2. Kasraporto kaj buĝet-propono
3. Protokolo de la membrokunveno en Bergen 1991
4. Senŝarĝo de estraro kaj kasisto
5. Novaj statuto kaj reglamento - diskutado kaj voĉdonado
6. Estrar-elektoj:
   a) elekto de elektogvidanto
   b) prezento de kandidatoj
   c) elekto de prezidanto
   ĉ) elekto de estraranoj
   d) elekto de kas-revizoroj
   e) elekto de arbitracia komisiono
7. Diskutado kaj voĉdonado pri membrokotizo
8. Landaj kaj aliaj sekcioj
9. Diskutado kaj voĉdonado pri laboroplano
10. Laborkomisionoj
11. Proponoj kaj diversaĵoj
12. Fermo fare de la prezidanto

### UK-Kontaktoj

Kiu partoprenos la UK-on en Vieno ĉi-jare kaj volas kontakti la prezidanton aŭ alian estraranon de TEĴA, bonvolu demandi ĉe la stando/budo de Flandra Esperanto-Ligo kaj MONATO aŭ ĉe la gazetara servo. Kutime tie oni scias, kie momente troviĝas Stefan Maul; vi povas lasi por li mesaĝon ĉe la stando de MONATO.

### Kandidatoj serĉataj

Kelkaj kandidatoj por la estrar-elektoj prezentas sin sur p. 12/13. Ni krome serĉas kandidatojn por la arbitracia komisiono kaj por la funkcio de kasrevizoroj. Proponojn sendu al la prezidanto aŭ faru dum la membrokunveno. Ne forgesu peti konsenton de koncernaj personoj pri kandidateco.

## MEMBROKOTIZO
**de TEĴA por 1 jaro:**

***momente nekonata***
*(La estraro ankoraŭ ne povis proponi al la membrokunveno novan kotizon. Tial ni petas tiujn, kiuj povas, ĝiri provizore sumon laŭ propra takso; ni konsilas, pagi minimume 10 germanajn markojn aŭ egalvaloron.)*
Por ĝiri membrokotizojn aŭ donacojn al TEĴA bonvolu atenti la apudajn indikojn pri pagmanieroj al FEL, kiu enkasigas la kotizojn de TEĴA-membroj.

**KIEL PAGI AL FLANDRA ESPERANTO-LIGO?**

- Se en via lando ekzistas poŝtĉekkonta sistemo, vi povas pagi al poŝtĉekkonto n-ro 000-0265338-43 (poŝtĉekoficejo Bruselo, Belgio), de Flandra Esperanto-Ligo;
- Petu al via poŝtoficejo fari internacian poŝtmandaton je nomo de Flandra Esperanto-Ligo, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio.
- Se en via lando ekzistas Eŭroĉekoj, vi povas sendi al ni tian ĉekon. La valuto devas esti la belga franko (BEF) kaj dorse de la ĉeko devas troviĝi via bankkartnumero. Se unu el la du lastaj postuloj ne estas plenumita, la banko subtrahos 225 BEF pro la bankkostoj;
- Se vi havas konton ĉe UEA, sendu ĝirilon kaj menciu la sumon en belgaj frankoj. La kontkodo de Flandra Esperanto-Ligo ĉe UEA estas fela-x;
- Se vi havas kurantan konton ĉe FEL, en kiu estas bonhavo, faru nenion. Ni simple subtrahos la necesan sumon de via bonhavo;
- Se vi havas konton en usona banko, sendu al ni ordinaran usonan bankĉekon. En tiu kazo la valuto devas esti la usona dolaro (USD). Pri la kurzo de la dolaro unue informiĝu ĉe via banko;
- Se vi posedas kreditkarton *Eurocard, Access, Visa, Fujicard* aŭ *Mastercard*, eblas pagi citante la numeron kaj la validodaton de la karto. Se vi mencias tiujn okaze de la mendo, ne aldoniĝos kostoj. Se vi sciigas ilin nur post ricevo de la fakturo, aldoniĝos 5% pro administraj kostoj;
- Se vi ne povas pagi laŭ unu el la sep supraj vojoj, uzu la jenajn, kiuj tamen kostos al vi pli:
  - Sendu al ni ordinaran bankĉekon el via lando, prefere en belga valuto. Aldonu al la sumo 225 BEF aŭ ties egalvaloron por la bankkostoj;
  - Sendu al ni internaciajn respondkupojn maldekstre stampitajn. Unu respondkupono egalas al 25 BEF.

Por limigi la bankkostojn, vi povas pagi pli altan sumon. La tro pagita mono eniros konton vian, pri kiu vi povas disponi por estontaj mendoj.
Pagante bv. nur mencii vian FEL-kodon kaj la fakturnumeron (troveblan sur la fakturoj). Bv. ne ripeti la mendon.

# Amatoroj – profesiuloj

**Problemoj pri membreco en TEĴA – kaj la solvo**

**Estiĝis necerteco kaj diskutoj pri la demando, kiu estu membro en TEĴA? Ĝi ja estas faka asocio de ĵurnalistoj, do de profesiuloj. Tamen dekomence en ĝi membris ankaŭ esperantistoj, kies profesio estas alia, kiuj tamen en Esperantujo agadas sur ĵurnalisma kampo.**

En sia letero aperigita en IĴ 2/92 p. 5 F. Boyet listigis la problemojn el la vidpunkto de okaza, amatora verkanto, kies artikoloj aperis en E-gazetoj. Li ne povas deklari sin ĵurnalisto kaj do demandas, ĉu entute li rajtas membri en TEĴA.
Nun el la vidpunkto de profesiulo A. Korĵenkov prilumas la problemon (vidu lian leteron en ĉi tiu numero) kaj timas, ke la du grupoj – profesiuloj kaj amatoroj – kolizios en siaj interesoj ene de kaj pri TEĴA.

**Kiu estas ĵurnalisto?**

Sed la problemo estas eĉ pli vasta, ĉar ne ekzistas ĝeneralaj normoj kaj kriterioj pri tio, kio rajtigas iun nomi sin ĵurnalisto. En iuj landoj – ekz. mi scias pri Italio kaj eksa GDR – la profesion de ĵurnalisto klare determinis ŝtataj leĝoj: konsekvence ŝtataj instancoj, akademioj, universitatoj k. s. en tiuj landoj preskribas, kiel eduki ĵurnalistojn, kaj fine donas oficialan diplomon.
En aliaj landoj, ekz. en Germanio, tute ne ekzistas oficiala, leĝa difino pri la profesio de ĵurnalisto, konsekvence ankaŭ ne iuj preskriboj pri instruado, edukado kaj trejnado. En Germanio ĵurnalistaj asocioj kaj asocioj de eldonejoj instalis proprajn, privatajn edukejojn; plejparte tamen la redakcioj mem rekrutas kaj edukas novajn ĵurnalistojn.
Jen mia persona „kariero": mi studis en universitato teologion kaj akiris diplomon tiufakan; dum kelkaj semestroj mi partoprenis studojn pri „gazetara scienco" (hodiaŭ oni nomas tion „komunikad-scienco"), sed konstatis, ke tiu studado estis nur arto por arto – por praktiki la profesion, ĝi alportis nenion. Post la universitato, semajna revuo dungis min kiel redaktoron, ĉar jam antaŭe mi estis – amatora E-redaktoro. Do nur nun mi lernis la praktikan metion de gazeta ĵurnalismo kaj ekde tiam ankaŭ nomis min ĵurnalisto. Efektive en Germanio – kiel en Esperantujo – ĉiu ajn, kiu agadas ĵurnalisme, redaktante, verkante aŭ parolante en radio, rajtas nomi sin ĵurnalisto, kaj neniu povas malpermesi tion.
Kompreneble, pro la multjaraj spertoj en plej diversaj redakcioj intertempe mi estas fakulo, vere profesia ĵurnalisto, pri kies kvalifiko neniu dubas. Kion ni konkludu el tio por TEĴA?

**Ni bezonas fakulojn**

Jam de jardekoj mi ĉiam postulis, ke en la E-movado oni bezonas fakulojn, ĉar tro multe kaj tro ofte agadas amatoroj, kiuj fuŝas aŭ neperfekte faras aferojn kaj tiel ne nur ĉagrenas aliajn, sed foje eĉ pli damaĝas ol utilas al la movado. Tamen ni devas konscii, ke en la movado povas aktivi nur kelkaj mil personoj tutmonde, kaj ke inter tiuj aktivuloj troviĝas nur parte profesiuloj. Restante en nia kampo: en okcidenta Eŭropo (pri aliaj mondpartoj mi scias tro malmulte) oni povas per la fingroj de du manoj kalkuli la vere profesiajn ĵurnalistojn, kiuj estas esperantistoj.

**Ni bezonas amatorojn**

Do: kiu redaktu la E-gazetojn, revuojn, bultenojn? Por ili ni bezonas la **amatorojn**, sen kies engaĝiĝo povus aperi nur ege malmultaj periodaĵoj. Tio validas eĉ pli draste por la verkantoj: inter la ĉ. 200 kunlaborantoj de *Monato* ekzemple preskaŭ neniuj estas profesiaj ĵurnalistoj – kaj tamen tre multaj verkas eminente bone. Ĉu ni rajtas rifuzi al ili la titolon *ĵurnalisto*?
Tucerte ne. La problemo estas alia: amatoroj havas la grandan avantaĝon, ke ili libervole, el propra impulso kaj do fervore faras sian laboron, sed ili havas ofte la grandan malavantaĝon, ke ili ne lernis la metion. Do ili lernu ĝin – kaj certe tre multaj estas lernemaj. Ni do ne plendu pri fuŝitaj bultenoj kaj revuoj, sed ni helpu ties redaktantojn fari sian laboron pli bone. Kaj kiu povas proponi tian helpon? La profesiuloj inter ni, neniu alia.
En la malnova statuto de TEĴA oni klare distingis du kategoriojn de membreco: profesiaj kaj amatoraj ĵurnalistoj. En mia propono por nova statuto mi forigis ĉi tiun distingon, ĉar mi opinias ke ĝi estas diskriminacia por niaj amatoraj gekolegoj. Aliflanke (vidu la germanan ekzemplon) nenio devigas nin havi du kategoriojn, ĉar al kiu ni ja legitimu nin krom al niaj legantoj kaj aŭskultantoj en la E-movado? Per la aliĝiloj, cetere, TEĴA scias, kiuj estas profesiaj ĵurnalisto kaj kiuj ne.

**Kolizio de interesoj**

Certe A. Korĵenkov pravas, ke ene de TEĴA la interesoj de profesiaj ĵurnalistoj estas aliaj ol tiuj de l' amatoraj, kaj ke do povas okazi kolizio de interesoj ĉe la prioritatoj de nia asocio. Sed mi fidas, ke tiun tension ni eltenos, se ni agos prudente. Unu el la precipaj celoj de TEĴA estas, plialtigi la nivelon de E-ĵurnalismo. Kiel tion montras la laborplano (vidu en ĉi tiu numero), do unu el la plej urĝaj taskoj sendube estos trejnadi la amatorajn ĵurnalistojn. Tiun ĉi taskon povas kaj devas plenumi la profesiuloj inter ni; se ili estas veraj esperantistoj, ili ankaŭ volonte faros tion.
Kompreneble tio devas ne signifi, ke TEĴA neglektu la interesojn, bezonojn kaj dezirojn de profesiaj ĵurnalistoj. Estas ties afero, ventoli temojn kaj problemojn ĉi-kampe, prezenti ilin en IĴ, dum membrokunvenoj kaj seminarioj – al la amatoraj membroj tio ne damaĝos, ĉar eble ankaŭ el tiaj kontribuoj ili povos profiti.

Stefan MAUL

**VOJO ESTIĜAS PER TIO, KE ONI IRAS ĜIN.**

UNESKO

## Internacia tago de ĵurnalisma libereco

**Unesko kaj la internaciaj ĵurnalistaj asocioj por la unua fojo ĉi-jare la 3an de majo realigis la „Internacian Tagon de Ĵurnalisma Libereco".**

Tiu tago estis la unua datreveno de l' „Deklaracio de Vindhuko pri l' Sendependeco de Plurالisma Gazetaro". Je invito de UN kaj Unesko, de 29a de aprilo ĝis 3a de majo 1991 en la namibia ĉefurbo la unuan fojon ĵurnalistoj kaj eldonistoj de afrikaj gazetoj, kiuj estas sendependaj de registaroj, interkonsiliĝis pri l' novaj prioritatoj de internacia komunikada politiko. Post la fino de l' multjara disputado pri „nova monda komunikada ordo" (finigis ĝin rezolucioj 25 C/104 de Unesko de novembro 1989 kaj rezolucio 45/76 A de l' ĝenerala asembleo de UN de decembro 1990) ne plu temas pri ideologioj, sed precipe pri efikaj rimedoj por protekti liberecon de gazetaro kaj informado.

Oni rigardas kiel unuan sukceson de ĉi tiu nova politiko en evolulandoj la Deklaracion de Vindhuko; por la unua fojo en ĝi oni postulas malaprobi cenzuron kiel misatenton de homaj rajtoj. Dua sukceso aldoniĝis en novembro 1991: kiel proparolisto de l' afrika grupo, Niĝero konsentis al la deklaracio kaj proponis, estonte celebri la 3an de majo kiel tagon de ĵurnalisma libereco. La proponon, kiun apogis Svislando kaj Germanio, kun granda plimulto akceptis la 26a ĝenerala konferenco de Unesko.

En la deklaracio oni legas: „La instalado, subtenado kaj akcelado de sendependa, pluralisma kaj libera gazetaro estas

DOKUMENTO

## KSKE-Ĉarto por Libera Ĵurnalismo

### Libera gazetaro signifas: libera popolo

**Pro tio la ĉi-sekvaj principoj por senobstakla inform-fluado interne de kaj ekster la landlimoj meritas apogon de ĉiuj, kiuj engaĝiĝas por akcelado kaj protektado de demokrataj institucioj.**

1. Ĉia formo de rekta aŭ nerekta cenzuro estas malakceptebla. Pro tio oni devas ekstermi leĝojn kaj praktikojn, kiuj limigas la liberecon de komunik-organoj ĉe akirado kaj disvastigado de informoj. Oficialaj instancoj devas nek sur nacia nek sur loka nivelo influi presitajn aŭ aŭdvidajn informojn nek redukti la aliron al informfontoj.
2. Oni devas permesi kreadon kaj liberan agadon de sendependaj komunikiloj kaj de gazetara kaj de aŭdvida ĵurnalismo en ĉiuj landoj.
3. La registaroj devas eviti ĉian diskriminacion ekonomian aŭ alimanieran kontraŭ komunikiloj. En landoj, en kiuj ekzistas ŝtataj komunikiloj, la sendependaj ĵurnalistaj organoj devas disponi pri la sama libera aliro al informo kaj pri la instalaĵoj nepraj por sia agado kiel la oficialaj komunikiloj.
4. La ŝtatoj devas ne limigi la aliron al gazet-papero, servoj de presejoj kaj distribu-retoj, same ne la agadon de inform-agentejoj kaj disponon pri frekvencoj kaj aŭdvidaj elsendeblecoj.
5. Kondamnendaj estas leĝaj, teknikaj kaj tarifaj praktikoj de instancoj kompetentaj por telekomunikado, kiuj malhelpas transigon de informoj kaj ties liberan fluon.
6. La ŝtataj komunikiloj devas disponi pri redakcia sendependeco kaj esti apertaj por opini-abundeco. Ĉi tiu principo estas leĝe fiksenda kaj certigenda en praktikado.
7. La gazetara same kiel la aŭdvida ĵurnalistaro devas havi nelimigitan aliradon al informoj el eksterlando kaj de eksterlandaj inform-agentejoj. La publiko havas rajton je senobstakla ebleco ricevi eksterlandajn publikigaĵojn kaj elsendojn.
8. La landlimoj devas esti malfermitaj por eksterlandaj ĵurnalistoj. Ne devas ekzisti kvotoreguloj, kaj oni devas senplue legitimi envojaĝ-petojn, akreditojn kaj aliajn dokumentojn necesajn al ili por plenumi la praktikadon de la profesio. Eksterlandaj ĵurnalistoj devas esti rajtigataj, libere moviĝi interne de lando kaj havi aliron kaj al oficialaj kaj al aliaj informfontoj. Oni devas permesi al ili, senobstakle importi kaj eksporti ĉiujn profesikondiĉajn materialojn kaj instalaĵojn.
9. Oni neniel devas limigi al iu, eniri kaj praktikadi la ĵurnalistan profesion, ĉu en formo de legitimo ĉu laŭ ia alia proceduro de permesa aprobo.
10. Oni devas garantii la personan sekurecon de ĵurnalistoj egale kiel tiun de ĉiuj civitanoj, kaj ili devas ĝui la plenan leĝan protekton. Ĵurnalistoj, kiuj laboras en milit-regionoj, havas civilan statuson kaj pro tio pretendon je ĉiuj rajtoj kaj apartaj rajtoj validaj por civiluloj.

*La ĉi-supra malneto de la Ĉarto por Libera Ĵurnalismo (stato printempo 1992) enhavas proponojn, kiujn kompilis ĵurnalistoj el 34 landoj dum mondkonferenco pri cenzuro „Voĉoj de Libereco" en Londono de 16a ĝis 18a de januaro 1987. La konferencon okazigis:*
*Monda Komitato por Ĵurnalisma Libereco (angla mallongigo WPFC)*
*Internacia Ligo de Gazet-Eldonistoj (angla mallongigo FIEJ)*
*Internacia Gazetara Instituto (angla mallongigo IPI)*
*Interamerika Gazetar-Societo (angla mallongigo SIP)*
*Nordamerika Nacia Radiofonia Unuiĝo (angla mallongigo NANBA)*
*Internacia Ligo de Revuoj (angla mallongigo FIPP)*
*La principojn aprobis:*
*KSKE-Inform-Forumo en Londono 1989*
*Paralela Rondtabla Interparolado pri ĵurnalismaj problemoj de KSKE en Moskvo dum septembro 1991*
*Seminario de fakuloj de KSKE pri demokrataj institucioj en novembro 1991 en Oslo*

premiso por kreado kaj evoluigo de demokratio kaj ekonomia evoluo de ĉiu nacio." Duonan jaron poste la registaroj de l' Unesko-membroj konfirmis la deklaracion per jena konstato: „Libera, pluralisma kaj sendependa gazetaro havas centran signifon por ĉiu demokrata socio." Federico Mayor, ĝenerala direktoro de Unesko, en sia mesaĝo okaze de la 3a de majo 1992 skribis i. a.: „Libera aliro al informoj estas fundamenta kondiĉo de demokratio. Por tiuj, kies profesio estas la disvastigado de informoj, tial devus esti kreataj ĉiuj premisoj por plenumi tiun taskon de alta respondeco. Ĵurnalisma libereco estas bona mezurilo de stato kaj matureco de socio."

### Pledo por ĉarto

La Unesko-direktoro en sia mesaĝo atentigas, ke ankoraŭ en multaj landoj oni vundas tiun ĉi liberecon, ke ekzistas cenzuro multfaceta, ke oni enkarcerigas ĵurnalistojn aŭ eĉ mortigas ilin. (Vidu pri tio apartan artikoleton en ĉi tiu numero. - red.) Mayor pledas por tio, ke KSKE (Konferenco pri Sekureco kaj Kunlaboro en Eŭropo) akceptu la „Ĉarton por Libera Gazetaro", kiun proponis pluraj komunikad-asocioj al ĝi.
sm

## Solidareco

La trian de majo en Anglio kunvenis ĵurnalistoj okaze de la unua, sub aŭspicio de Unesko, Internacia Tago de Ĵurnalisma Libereco.
Ĉeestis la subĉielan kunvenon, ĉe t. n. „parolisto-angulo" en parko de Londono, i. a. reprezentantoj de la ĵurnalistaro de ŝtatoj, kie estas mortigitaj aŭ enkarcerigitaj kolegoj plenumantaj siajn profesiajn devojn. Liberiĝis ĉielen centoj da nigrablankaj aerbalonoj, simbolantaj solidarecon kun kolegoj elmetataj al moralaj, fizikaj kaj ekonomiaj premegoj flanke de registaroj kaj aliaj tiranoj.

### Ankaŭ en okcidento

Amnestio Internacia kalkulis, ke ŝimas nuntempe en prizonoj tra la tuta mondo 117 ĵurnalistoj. Franca homrajta grupo *Raportistoj Sen Limoj* atentigis pri unuopaj kazoj: pri turko Fatma Jaziki, kiu „subteriĝis" por eviti malliberejon, pri ĉinoj Ĉen Ziming kaj Uŭang Junato kiu „reedukiĝas" en ĉeleto, pri maldiv-insulano Mohamed Ŝafik, torturita kaj kondamnita al 11jara malliberecon, post kiam li aŭdacis prilumi registaran koruptadon.

Tamen ne temas pri opreso sole en ne-okcidentaj landoj. La redaktoro de brita dimanĉa gazeto *The Observer* (La Observanto) avertis, ke eĉ en t. n. liberaj landoj senskrupululoj ĉiam provas manipuli informon, kaŝi veron kaj ĝenerale subfosi la rolon de la gazetaro.

Paŭlo GUBBINS

BRITIO

# Elektoj: ĉu nepras elfenestriĝi etikoj?

### Paradoksoj kaj kuriozaĵoj de l' gazetaro

**Sublupeiĝis la partieco de la brita gazetaro dum kaj post la naciaj elektoj en aprilo, kiuj neatendite fortigis la konservativan ĉefministron John Major [Ĝon Mejĝe] kaj liveris kvaran sinsekvan registaran mandaton al lia partio.**

La venko de la dekstra partio de Major surprizis multajn. Britio troviĝas meze de depresio, kun kreskanta senlaboreco; la promesita prospero, malgraŭ (aŭ eble pro) 13 konservativaj jaroj, ankoraŭ ne senteblas: jen kondiĉoj - tiel oni argumentis - ege favoraj al la ĉefopozicia, laborista partio sub gvidado de Neil Kinnock [Nil Kenok]. Tamen malgraŭ ĉio ĉi la atendita venko fare de la laborista partio ne realiĝis, kaj oni nun demandas sin: kial?

### Rolo de gazetaro

Evidente, multfacetaj estas la kaŭzoj. La konservativuloj, subtenataj de industriistoj, disponas pli da mono por sin prezenti, varbi membrojn, dum la maldekstrema opozicio estas dissplitiĝinta en du partiojn; plue, mankas ia proporcia voĉdonada sistemo, kiu fortigus minoritatajn, opoziciajn grup(et)ojn. Tamen restas la rolo de la gazetaro, ĉefe la bulvarda, kiu en Britio - kontraste al la situacio en multaj aliaj landoj - fidele spegulas konservativan, do dekstran volon.
Strange: ĵurnalistojn oni vulgare taksas maldekstremaj; la verkistaĉaro - en la okuloj de multaj britoj - estas socialista, eĉ komunista, do nefidinda; aliflanke redakciojn oni kredas - kaj scias - dekstremaj. Ja paradokso ... sed kiu manĝon al mi donas, tiu al mi ordonas ... kaj eble tial bone salajrataj ĵurnalistoj senskrupule elgurdas konservativan melodion de siaj mastroj, kiun ili persone ne kunkantas.

### Faktoj torditaj

Do venkita s-ro Kinnock tuj sciis, kiun kulpigi pri sia balota katastrofo: la gazetaron. Kiel pruvon li citis grasliteran frontpaĝan fanfaronaĵon aperigitan je la tago post la elektoj en amas-ĵurnalo *The Sun* (La Suno): en intence kripligita - do atentokaptanta - angla lingvo oni legis: „Stis La Suno ĝin faris!" („It was the Sun wot did it") - do estis *La Suno*, kiu efektivigis konservativan venkon.
Kaj la *Suno*-sistemo ne estis escepto, male. Ne sufiĉas, ke Kinnock-on oni atakis en aliaj tiaj ĵurnalaĉoj kiel ateiston; faktoj tagon post tago tordiĝis kaj pretendoj facile fariĝis vero. Ekzemple, por timigi elektontojn, unu ĵurnalo grandlitere anoncis, ke sub laborista registaro hipoteko-elspezoj - gravaj en Britio, kie homoj emas aĉeti anstataŭ lui loĝejon - draste altiĝos. Temis pri bankiera prognozo prezentita kiel fakto. Kaj sukcese, ĉar tiel subfosiĝis - inside kaj maljuste - la fiska politiko de la Kinnock-partio. Same oni ruze aperigis opinisondaĵojn: denove, opinioj kaj faktoj kunfandiĝis kaj ne plu eblis distingi inter la du.

→

**Ĵurnal-baronoj neas**

Kompreneble, la ĵurnalo-baronaro neis ĉian manipuladon; neis, ke ĝi timuş sub laborista registaro impost-altigojn por la plej riĉaj tavoloj de brita socio; neis, ke ĝi timus plifortigotajn, profito-minacantajn sindikatojn. Nigrigo-kampanjo niaflanke? Vi frenezas, s-ro Kinnock: vi superhejtiĝas, halucinîĝas reage al via balota malvenko.
Evidente, gravas en demokratio libera gazetaro; ĝi estas ja unu el la ĉefaj kolonoj de matura, spirite riĉa kaj stabila ŝtato. Aliflanke la partieco - kun honorindaj esceptoj - de la plimulto de la brita gazetaro, lakeo de la reganta, konservativa partio, pensigas pri baza koncepto de demokratio. Ĉu vere oni povas paroli en Britio pri libera gazetaro, estas forte dubinde, kaj la signifo de libereco - almenaŭ en Britio - devus esti zorge difinita.
Paŭlo GUBBINS

**MILITOJ**

# 66 ĵurnalistoj mortigitaj en 1991

**En 1991 pli multaj ĵurnalistoj ol iam ajn mortis, praktikante sian profesian laboron.**

La jarraporto de l' Novjorka Komitato por Protektado de Ĵurnalistoj (angla mallongigo CPJ) dokumentas la mortigon de 66 ĵurnalistoj, precipe en krizaj regionoj. Kvin ĵurnalistoj perdiĝis, sed oni supozas ke ankaŭ ili estas mortigitaj. Komitatestro Nelson diris, ke estas la plej granda nombro de mortigitaj ĵurnalistoj ekde la fondo de CPJ en 1981. Krome la nombro de rektaj atakoj kontraŭ ĵurnalistojn atingis en la pasinta jaro la rekordon de 1264.
Nelson diris, ke la „nova mondordo" (proklamita de usona prezidanto Buŝ) ankoraŭ ne alportis pli grandan ĵurnalisman liberecon. Post la fino de l' okcidenta-orienta konflikto multiĝis la konfliktoj inter nacioj. Ĵurnalistoj, kiuj raportas pri ili, riskas ne nur ektroviĝi inter la pafofrontoj; oni ofte - false - akuzas ilin pri partieco kaj pro tio atakas rekte.
Kiel montras la raporto, la plej danĝera regiono por ĵurnalistoj estis eksa Jugoslavio. Tie ekde la ekslpodo de la interetna milito mortis 19 raportistoj.
sm

**EKSA SOVETIO**

# Inflacio grimacas

**En 1991 inflacio en la lando, kiu iam nomiĝis Sovetio, atingis 700 %, kaj tio dolorige eĥis en la gazetaro. Tamen eĉ pli draste la inflacio efikas nun, kiam la redakcioj devas liveri revuojn, kies abonantoj pagis aŭtune.**

La prezo por papero saltis de 200 - 300 rubloj por tuno ĝis 15000 - 20000 rubloj, kaj la borso jam vidigis la prezon 32 mil rublojn por unu tuno da papero.
Pluraj gazetoj ĉesis ekzisti. Aliaj malplioftigis sian aper-ritmon (3, 4 aŭ 5 numeroj semajne anstataŭ 6 aŭ 7). Kelkaj monataj revuoj elspezis la kolektitajn kotizojn jam per la tria (marta) numero. Mortminaco fantomis eĉ antaŭ *Pravda* (vidu pri ĝi apartan artikolon) kaj *Komsomoljskaja pravda*, kiuj aperis neregule, dum *Izvestija* (2,8 milionoj da ekzempleroj) sukcesis aranĝi konstantan altajdon de reklamo por ne havi problemojn.

**Esperanto-gazetoj**

La financaj kataklismoj atingis ankaŭ la Esperanto-gazetaron. Ĉesis aperi *Sovetia Esperantisto* kaj *Eksciu, ke*; SEU ne povas lanĉi sian informilon. La redaktoro de *Aktuale* amare plendas pri elĉerpiĝo de la mono post la dua numero.
Ni ekzemplu per la situacio de *Ruslanda Esperantisto* (RE), organo de Ruslanda E-Asocio, aperanta en Jekaterinburgo. En 1991 elspezoj por 1 ekzemplero de RE sumis 50 kopekojn (40 kop. por preso, 10 por ekspedo). Tial aŭtune estis fiksita 10-rubla kotizo por 1992. Tamen la elspezoj por eldoni la 3an numeron atingis 2 rublojn kaj 70 kopekojn (2 rub. preso, 70 kop. ekspedo). Se oni konsideras, ke ĉ. 100 ekzempleroj estas sendataj al eksterlando senpage, kaj la prezo de letero kreskis de 30 kopekoj (decembro 1991) ĝis 3 rubloj 60 kopekoj (marto 1992), do dekduoble, ni vidos ke la reala prezo de unu ekzemplero estas ĉ. 3,50 rubloj.
La februara konferenco de REA refiksis la kotizon je la sumo 20 rubloj, sed klaras, ke tio ne savos la gazeton, se ĝi ne trovos aliajn enspezojn (redukti elspezojn ne eblas).
La redakcio laboras laŭ kelkaj direktoj:
1. Estas starigita fonduso **Amiko**, al kiu jam venis la unua, ducent-rubla donaco de A. P. Birjulin (membro de TEĴA en Tomsko, Siberio). Preparatas plia alvoko al mecenatoj, kiuj vivtenis la E-gazetaron de *La Esperantisto* (Trompeter) kaj *Lingvo Internacia* (Gernet).
2. Venas pagitaj anoncoj por korespondemula rubriko.
3. Kelkaj eksterlandanoj abonis RE, kaj se tiu kvanto atingus 50, la pluekzisto de RE estus garantiita.
4. Estas akceptataj reklamoj, sed pro la eteco de la eldonkvanto (nur 600 ekzempleroj nun) tiu iniciato apenaŭ havos tujan efikon.
Eble la kombino de la skizitaj vojoj povus salubre efiki, sed ... Sed kiu scias, kiom kostos letero kaj paero en decembro?
Aleksander KORĴENKOV

**Interesitoj pri RE adresu al la redakcio:**
**620077 Jekaterinburg-77,**
**pk 67, Ruslando**

**EŬROPA KOMUNUMO**

# Germanaj plendoj

**Germanaj eldonistoj forte plendas pri planoj rilate al gazetaro, kiujn oni havas en Eŭropa Komunumo (EK) persspektive al la eŭropa unuiĝo.**

Tiama prezidanto de Federacia Ligo de Germanaj Gazet-Eldonistoj, Rolf Terheyden [Terhajdn], en aprilo avertis, ke oni ne rajtas „premi la gazetaron en EK-korseton". (La ligo havas intertempe novan prezidanton - red.) Post interparoloj kun la EK-komisiono (la fakta

ekzekutivo de EK) en Bruselo li plendis, ke la eldonistoj havas „grandan zorgon, ke oni tro malmulte atentos la apartan statuson de l' gazetaro ĉe la planata strebado al harmoniigo". Tio validas i. a. por malpermesoj en la kampo de reklamado kaj por klopodoj, tranĉi la sendependecon de gazetoj.
Li emfazis, ke la proponita malpermeso de reklamoj por tabako povus estigi „domenoefekton" kaj alporti reklammalpermeson ankaŭ por nutraĵoj, aŭtoj, dolĉaĵoj, alkoholaĵoj kaj medikamentoj.
Krome la eldonisto kontraŭas proponojn de l' komunik-komisiono de la Eŭropa Parlamento pri komuna komunika kodo kaj Eŭropa Komunikil-Konsilantaro kaj EK-direktivon por harmoniigi la naciajn preskribojn pri koncentriĝo de proprieteco de komunikiloj. Ĉio ĉi, laŭ aserto de Terheyden, ne estas akceptebla por la germanaj eldonistoj, ĉar tiaj rimedoj permesus al la ŝtatoj interveni kaj vundi la gazetaran liberecon.
sm

INTERLINGUA

## Aktualaj periodaĵoj

**En la 1930-aj kaj 1940-aj jaroj IALA (International Auxiliary Language Association - Asocio por Internacia Helplingvo) serĉis solvon de la monda lingva problemo, unue per provo elekti unu el la jam publikigitaj planlingvaj projektoj, poste per lanĉo de sia propra internacia helplingvo, kiu ricevis la nomon Interlingua.**

Oni konsideras, ke la naskiĝdato de Interlingua estas la jaro 1951, kiam estis publikigita en Novjorko 415-paĝa Interlingua-angla vortaro. La originala kaj tradukita literaturo en tiu lingvo neniel estas signifa laŭ la vidpunktoj de kvanto kaj enhavo, kaj nur kelkaj periodaĵoj aperis.
Estas interese kompari la evoluon de la Interlingua-gazetaro kun tiu de Esperanto en komparebla tempodaŭro, ekzemple la unuaj 40 jaroj de ekzisto de ambaŭ lingvoj. Por Esperanto, donitaĵoj estis kolektitaj kaj publikigitaj de Rondo Takács, fakorganizaĵo dediĉita al esplorado pri periodaĵoj en Esperanto kaj ankaŭ en aliaj planlingvoj. En la unua numero de ĝia organo *Periodaĵoj* (novembro, 1990) aperas grafikaĵo, indikanta, ke por la jaro 1927, kiam Esperanto jam ekzistis kvar jardekojn, estis registritaj 234 titoloj. Mankas simila statistika esploro pri periodaĵoj en Interlingua, do informoj devas esti ĉerpitaj el librolisto publikigita en januaro 1991, kiam Interlingua atingis sian 40-an naskiĝdatrevenon. En tiu katalogo estas listigita sur unu paĝo la tutaĵo de la aktuale eldonata periodaĵ-literaturo de la Interlingua-movado - nur sep titoloj! Tiu magra produktaĵo spegulas la mizeran nunan staton de la Interlingua-movado.

**Kion eblas aboni?**

Kion, do estas eble aboni sur la periodaĵ-merkato de Interlingua? *Panorama* estas dumonata ilustrita magazino tute en Interlingua kun internaciaj novaĵoj, informoj pri Interlingua, literaturo, enigmoj kaj libro-recenzoj (A5, 28 p., 50 danaj kronoj aŭ 15 guldenoj aŭ 15 irk-oj). *Actualitates de Interlingua* havas tekstojn en la dana, sveda kaj Interlingua (20 danaj kronoj). *Lingua e Vita* estas en la angla kaj Interlingua (3 pundoj). *UNIR* estas la periodaĵo de la franca Interlingua-movado (20 frankoj). El Brazilo venas *Internovas* kun tekstoj en la portugala kaj Interlingua (dumonata, 16 p., 20 dolaroj). La nederlanda societo eldonas *Voce de Interlingua* en la nederlanda kaj Interlingua (A5, 16 p., 10 guldenoj). La sola fakeca periodaĵo estas la svislanda evangelika revuo *Biblia* (20 svisaj frankoj por 10 numeroj). Akireblaj estas ankaŭ malnovaj numeroj de du periodaĵoj, kiuj ĉesis aperi. Preskaŭ ĉiuj numeroj de *Currero* (1 - 90, 1964-1987) kostas po 5 danajn kronojn; se oni mendas plurajn ekzemplerojn, la prezo estas malpli alta. Kaj malnovaj numeroj de *Heraldo de Interlingua* estas aĉeteblaj po 6 danaj kronoj.
Okulfrapa en la katalogo estas la nekompetenta maniero priskribi la unuopajn periodaĵojn, al kiuj mankas informoj jen pri formato, jen pri paĝoj, jen pri aperofteco.
Bernard GOLDEN

ESPERANTO-MOVADO

## Speciala dosiero por ĵurnalistoj

**Kiel plej bone informi neesperantistajn ĵurnalistojn pri la lingvo internacia? Certe oni povas transdoni aŭ sendi al ili la kutimajn informilojn, pri kiuj disponas la movado. Sed ĉu ili impresos ĵurnalistojn, kutime ja tre skeptikajn? Pli bone ŝajnas esti, alparoli ilin aparte.**

Kiel ajn, en Germanio oni havis tre bonajn spertojn per speciala dosiero pri Esperanto por ĵurnalistoj, verkita de - ĵurnalisto. Jen la kerna ideo: Se kolego prezentas al skeptikaj ĵurnalistoj informojn pri Esperanto, probable ili pli volonte kaj pli simpatie akceptas kaj eventuale uzas ilin, ol se tion faras iu (propaganda) landa asocio aŭ alia movada instanco. Krome en tia speciala dosiero oni povas prezenti la temon tute alimaniere: tre koncize (tio gravas por multokupataj ĵurnalistoj), en lingvaĵo atenton kaptanta, kun praktikaj konsiloj kial, kie, kiam kaj kiel aliri la temon.
Tion konsiderante, Stefan Maul en la fruaj 80aj jaroj verkis tian specialan dosieron pri Esperanto por ĵurnalistaj kolegoj; aktuala okazo estis la UK, kiu en 1985 okazos en Germanio (Aŭgusburgo); poste oni reeldonis ĝin perspektive al la centjara jubileo de Esperanto en 1987.
Unu el la efikoj estis, ke tiuj germanaj ĵurnalistoj, kiuj disponis pri la dosiero, almenaŭ ne disvastigis malĝustajn kaj strangajn asertojn kaj „informojn" pri Esperanto, kaj ke malmultiĝis la malfavoraj artikoloj.
Dum la seminario pri informado, organizita de UEA en Poprad (Slovakio) ĉi-jare (vidu raporton en IĴ 2/92), ĉi tiu dosiero vekis viglan intereson, kaj S. Maul promesis, traduki ĝin. Nun la esperant-lingva versio estas preta; ĝi kompre-

neble ne estos publikigota (E-ĵurnalistojn ni ja ne devas informi pri la lingvo internacia), sed servu nur kiel bazo por alilingvaj versioj. Por eventualaj tradukontoj aŭ pli ĝuste reverkontoj S. Maul aldonis rimarkojn kaj konsilojn.

**Alvoko**

Estus dezirinde, ke ne vane Maul faris tiun ĉi traduk-laboron kaj ke la dosiero laŭeble baldaŭ aperu en kiom eble multaj naciaj lingvoj. Tial ĉiu, kiu kapablas kaj emas kompili tian dosieron en sia lingvo, nepre petu de Maul la E-version. Skribu rekte al
Stefan Maul, Pferseer Str. 15,
D-W-8900 Augsburg
Germanio

**ORGANIZAĴOJ**

# Helpo al orienta Eŭropo

**The Freedom Forum (La liberec-Forumo) estas privata, nepolitika organizaĵo, kiu volas akceli liberecon de ĵurnalistoj kaj ĝenerale de opinio-esprimado.**

Prezidanto de l' forumo estas la fondinto de USA TODAY (Usono Hodiaŭ), Allen H. Neuharth. La organizaĵo sekvas siajn celojn per programoj, pulikigaĵoj kaj projektoj por akceli la liberan opini-esprimadon. Unu el ĝiaj gravaj aktivecoj estas subteni ĵurnalisman trejnadon.
La 26an de majo la organizaĵo malfermis eŭropan filion en Zuriko, Svislando. Ties ĉefa agadkampo estos en meza kaj orienta Eŭropo. Kiel klarigis vic-prezidantino Christine Wells, la forumo volas en „la nove estiĝintaj demokratioj helpi per taŭgaj metodoj kaj rimedoj por konstrui komunikilojn, kiuj estos supervivkapablaj, sukcesaj kaj sendependaj".
La forumo de 1990 en Eŭropo realigis plurajn projektojn, i. a. finance kontribuis al la aligo de usona inform-agentejo Associated Press al 10 sendependaj gazetoj en Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Hungario, Pollando, Rumanio, Estonio, Litovio kaj Latovio. La forumo subtenas ankaŭ enketojn de l' organizaĵo Gallup en eksaj komunismaj landoj pri la opinioj de la loĝantaro pri demokratio kaj libera esprimado. Krome la forumo subtenas esplorojn kaj konferencojn de la fakultato por ĵurnalistiko de la universitato en Moskvo, kiuj okupiĝas pri komparado de usonaj kaj sovetiaj komunik-sistemoj.
La eŭropan filion gvidas Gregory Berzonsky (adreso: The Freedom Forum International, Bahnhofstrasse 16, CH-8001 Zürich, Svislando.)

**RUSIO**

# Ĉesis aperi tagĵurnalo *Pravda*

**Lasta numero de tagĵurnalo *Pravda* en Moskvo aperis la 14an de marto 1992 en limigita eldonkvanto de 100 000 ekzempleroj kaj estis vendata nur en la regiono de Moskvo.**

Fondita de Vladimir Iliĉ Lenin en 1912, *Pravda* (= Vero) estis la plej granda sovetia ĵurnalo. Dum la 70aj kaj komence de la 80aj jaroj ties eldonkvanto estis 13 milionoj, kaj ties prezo nur 3 kopekoj, ĉar la bezonataj por ties presigo papero, inko, distribuado k. a. elspezoj estis pagataj de la ŝtato.
Post la malsukcesinta puĉoprovo en eksa Sovet-Unio en aŭgusto 1991 rusia prezidanto Elcin ĉesigis la aperadon de *Pravda*, kiel ankaŭ de aliaj komunistaj ĵurnaloj. Tamen *Pravda* restarigis sian eldonadon jam semajnon poste, estiĝinte sendependa, nepartia - posedaĵo de ĝiaj 120 raportistoj kaj redaktoroj.
La 2an de februaro 1992 Elcin „liberigis" la prezojn de plejmulto de varoj kaj servoj, pro kio la ĵurnalpapero kaj distribuado plimultekostiĝis. *Pravda* kaj multaj aliaj ĵurnaloj suferis, ĉar ties abonoj estis faritaj laŭ la preznivelo de la pasinta jaro. Por malpliigi siajn eldonkostojn, la tag-ĵurnalo ekaperis trifoje semajne anstataŭ sesfoje kiel antaŭe.
Rezulte de tio la redaktoroj de *Pravda* plendis, ke la rusia registaro subvencias kelkajn ĵurnalojn, ĉefe la konsideratan oficiala registara ĵurnalo *Rosijskaja gazeta* (Rusa Ĵurnalo), kiu per siaj publikigaĵoj subtenas prezidanton Elcin.
Evgeni GEORGIEV

**RUSLANDO**

# Dufoje pri ĵurnalismo

**Ruslanda Esperanto-Asocio (REA) je trisemajna periodo dufoje organizis seminariojn pri la esperantista ĵurnalismo.**

En la seminarioj en Permo (25 - 26 apr) kaj Tomsk (16 - 17 maj) partoprenis redaktoroj kaj redakcianoj de *La Ondo*, *Ruslanda Esperantisto*, *Sezonoj*, *Spektro* kaj *Aktuale* (kiu havis sian kvin-jariĝon) kaj interesitoj, kiuj, plejparte, kunlaboras en la menciitaj gazetoj.
La du seminarioj celis, unuflanke, klerigi pri la funkciado de la amaskomunikiloj kaj pri la Esperanto-gazetaro. Aliflanke, la ĉeestintaj redaktoroj demonstris siajn redakto-principojn kaj produkto-manierojn. La negranda nombro de partoprenantoj ebligis fundi diskuti la temojn kaj kolektive cerbumi pri la sorto de la ekssovetiaj gazetoj en la kondiĉoj de inflacio.
Okaze de la seminarioj *Ruslanda Esperantisto* aperigis panoraman skizon pri la historio de la ruslanda Esperanto-gazetaro antaŭ la oktobra revolucio (1917).
Aleksander KORĴENKOV

**LIBRO-ELDONADO**

# Nemalhavebla helpilo

Apenaŭ oni konas pli grandan efikon de gazetartikolo, ol de tiu aperinta 20 jun 1950 en *Pravda*. La tuta Sovetunio ĝin studadis. Lernejanoj kaj studentoj, partianoj kaj klerigistoj, komsomolanoj (membroj de junular-organizaĵo) devis teni ekzamenon pri kono de ĝiaj tezoj,

kaj tiu ekzameno foje pli gravis ol iu ajn alia.
Sagaca leganto komprenis, ke temas pri la epokfara eseo de la Patro de l' Popoloj *Pri la marksismo en la lingvoscienco*. Komence de 1992 ĝi kaj ankoraŭ kelkaj lingvistikaj artikoloj de I. Stalin aperis ankaŭ en Esperanto ĉe *Sezonoj* (Jekaterinburg). La libreton malfermas valora enkonduko *Stalin kontraŭ Marr: la sekvoj por Esperanto*, kiun verkis d-ro Ulrich Lins.

Cetere ĝuste por alia verko de U. Lins, *La danĝera lingvo*, la ĵus eldonita stalinaĵo servas kiel nemalhavebla helpilo, klarigante la influon de la ideologi-lingvistika diskuto sur la esperantistaron en orienta Eŭropo.

La libro *Marksismo kaj lingvoscienco* aĉeteblas ĉe UEA kontraŭ 9 guldenoj aŭ ĉe la eldonejo: 620014 Jekaterinburg-14, pk 162, Ruslando.
ak

TERMINOLOGIO

# Printi, presi kaj aliaj terminoj de presarto

**Per Aarne Fritzon faris meritplenan provon diferencigi la signifojn de la vortoj *presi* kaj *printi* (IĴ 2/92: 14 - 15), sed lia difino de *printi* ne estas kompleta. Mi deziras unue klarigi ĝian primaran signifon kaj poste pritrakti kelkajn aliajn terminojn rilatantajn al la presarto, ĉar s-ro Fritzon aludas pri „pekaj" difinoj en *Pekoteko*, la terminaro kompilata de Rüdiger Eichholz.**

**PRINTI.** Laŭ mia scio, la unua, kiu registris tiun vorton en Esperanto-vortaro, estas D. R. Duncan. En lia *English-Esperanto Chemical Dictionary* (Angla-Esperanta Kemia Vortaro), eldonita en 1956, estas indikite, ke la verbo *printi* kaj la substantivo *printo* rilatas al fotografaĵoj kaj estas tradukitaj en la anglan per *print*. Jardekon poste ankaŭ M. C. Butler inkludis *printi* en sia Esperanta-angla vortaro (1967) kaj signis ĝin kiel terminon de fotografio. *Suplemento* de *Plena Ilustrita Vortaro* (PIVS - 1987) donas jenajn du difinojn de *printi*: (1) fari bildon sur impresiĝema surfaco per trasendo de lumo tra negativo aŭ diapozitivo; (2) produkti tekston per aŭtomata skribaparato.
Mi opinias, ke estas necese pliprecizigi la duan difinon. En *Esperanta Bildvortaro* (1988) fotografia printado kaj la bezonataj aparatoj estas ilustritaj en bildkompleksoj 112, 171 kaj 293, sed mankas ilustraĵoj de nefotografia printado per aŭtomataj skribaparatoj.

**TIPOGRAFIKO.** Laŭ *Pekoteko* ĝi estas unu el la kvar ĉefaj presadteknikoj. (La aliaj tri estas kavografiko, platografiko kaj mimeografiko). Tipografika presado okazas per tip-supraĵoj, reliefe elstarantaj el presformo, kiujn oni inkizas per ink-rulumoj. La partoj troviĝantaj pli malalte sub la supraĵoj de la pres-formo ne ricevas inkon.
Mia kritiko estas, unue, ke la vortformo devas esti TIPOGRAFIO kaj, due, ke la difino estas erara. Efektive, la TIPOGRAFIO estas unu el la utilaj artoj, la arto de presado. Ĝi ampleksas la planadon, desegnadon kaj elekton de literformoj, kiuj aperos kiel presita teksto sur paĝo. Ĝi inkludas ankaŭ la elekton de papero, inko kaj pres-metodo, kaj se la produktaĵo estas libro, la planadon de aranĝo de tekstoj sur paĝoj kaj la formon de bindaĵo. Anstataŭ la termino *tipografiko* en *Pekoteko*, mi proponas RELIEFTIP(AR)A PRESADO.
**KAVOGRAFIKO.** *Petoteko* klarigas, ke en tiu ĉi procedo inko troviĝas nur en kavaĵoj de la presplato, do oni devas forte premi la paperon sur ĝin. Raklo estas ŝtal-rektilo uzata por forpreni la inkon de la ne-acidizitaj glataj surfac-lokoj de kavografika pres-cilindro, por ke inko restu en la divers-profundaj kavaĵetoj. Teknikoj por produkti kavografikajn presplatojn estas gravurado, sekpinta gravurado, eĉado kaj akvatintado.

Preferinda vortformo estas KAVOGRAFIO (sen „ik"). Aliaj eblaj terminoj en Esperanto estas INTAJLO-PROCEDO aŭ INTAJLOGRAFIO.
**PLATOGRAFIKO.** *Pekoteko* difinas ĝin kiel presad-teknikon, kiu presas per senreliefa plato tiel preparita, ke iuj partoj de la plato akceptas kaj aliaj rifuzas inkon: temas pri grasa inko sur seka aŭ malseka areo. Specialaj metodoj estas litografio kaj ofseto.

Pli internacia termino estas PLANOGRAFIO (sen „ik"). Mankas en la artikolo en *Pekoteko* ankoraŭ du procedoj de surfaca presado:
**KOLOTIP-PROCEDO.** Ĝi estas fotomekana procedo por fari reproduktaĵon senpere per fotosentiva maldika plato el dura gelatino aŭ el alia koloido. La surfaco havas ink-akceptajn kaj ink-rifuzajn partojn, sed ĉar la dikeco de la ink-tavoleto varias proporcie al la tono de la originala bildo, la produktado de kolotipoj similas al kavografio aŭ intajlo-procedo.
**KSEROGRAFIO aŭ ELEKTROSTATIKA PRESADO.** Ĝi estas presad-procedo sen kontakto de la papero, sen tipformoj kaj sen inko, per efiko de lumo sur elektre ŝarĝita izola surfaco, sur kiu bildo aŭ teksto estas rivelita per rezina pulvoro.
**MIMEOGRAFIKO.** La procedo uzas mimeografilojn, kiuj tra truhavaj stenciloj pasigas inkon sur la paperon. Tiun ĉi teknikon oni uzas ankaŭ por reprodukti artaĵojn. En tiu ĉi okazo uzataj terminoj estas SILKEKRANA PRESADO kaj SERIOGRAFIKO.
La uzo de la radiko „mimeograf-" estas erara. *Mimeograph* (usona) same kiel *Ronéo* (franca) kaj *Cyclostyle* (brita?) estas fabrikmarkoj por aparatoj, kiuj en la angla lingvo havas la ĝeneralan nomon *stencil duplicators* (stencilaj multobligiloj). Ankaŭ la silk-ekrana procedo kaj la SERIGRAFIO (sen „ik") estas variaĵoj de la sama tekniko. Sekve, la termino por la koncerna presad-tekniko estu STENCILADO aŭ STENCILA PROCEDO.

**Konkludo**

Se oni akceptas la kriterion de s-ro Fritzon, ke nepra trajto de

presad-teknikoj estas „plimalpli senpera fizika kontakto" de speciale preparita originalo kun alia surfaco, ekz. papero, tiam kserografio kaj la procedo de formado de literoj kaj grafikaĵoj per ajutetoj (inkoŝprucigaj aŭ bobelaj iloj) apartenas al la procedo de printado same kiel la fotografio. Kontakto kun la originalo en tiuj procedoj aŭ ne ekzistas aŭ ne estas senpera.
Bernard GOLDEN

**RECENZO**

# Ankoraŭ unu kaose kompilita terminaro

**Toponimia terminaro. Lorens' Mi [= Larence Mee]. Istlia Eldonejo Esperantista: Belfast; 1992. 21x15 cm. 12 p. Prezo: 4.00 steloj.**

Unu el la plej persistaj problemoj, kiun alfrontas esperantistaj ĵurnalistoj, temas pri normigitaj formoj de plej ofte uzataj toponimoj en Esperantaj tekstoj. Ĝis nun neniu periodaĵo en Esperantujo atingis solvon, kiu kontentigas ĉiujn legantojn kaj, cetere, akordas kun formoj de loknomoj uzataj de aliaj redakcioj. Tiu anomalia situacio ankoraŭ ekzistas eĉ post preparo de listo de normaj landnomoj fare de la Akademio de Esperanto, rezulte de voĉdonoj en 1988 kaj 1989.
En 1989 estis eldonita *Leksara kolekto de ofte uzataj propraj nomoj*, kompilita de Rikardo Ŝulco [= Richard Schulz] kaj Hermano Bermano [= Hermann Behrmann]; pro ekstravagancaj lingvaj nocioj kaj sensistema asimilado de etnolingvaj toponimoj, tiu verko alportis pli da konfuzo. Tri jarojn poste Lawrence Mee tretis sur la insidajn movsablojn de la tereno de Esperant-lingva toponimio kaj surpaperigis ankoraŭ unu kaosan kompilaĵon de toponimoj, kiu ne estis bazita sur klare formulitaj esperantigaj principoj. Jen, en liaj propraj vortoj, estas la celo, kiun volis atingi la kompilinto de *Toponimia terminaro* (Tt):
„Volante prezenti al lernantoj kiel eble plej kompletan stokon de la vortoj bezonataj por pridiskuti econ de la aktuala internacia vivo tiel grava kiel estas, ekzemple, geografio, mi vidis klaran vojon antaŭ mi. La verko devas enteni fidindan liston de la koncernaj vortoj." (p. iii)
Atenta ekzameno de Tt indikas, ke antaŭ Mee ne estis videbla tute klara vojo. Objektiva kaj rigora ekzameno de la listo de proksimume 450 terminoj malkovras, ke sur la paĝoj de la maldika broŝuro svarmas pluraj misoj kaj mankoj. La sekvaj ekzemploj ilustros, kiel la kompilad-laboro de Mee estas nekohera kaj malkonsekvenca.
Ne unuformaj estas jenaj terminoj: *Portugalo* estas la nomo de ŝtato sur p. 9, sed sur p. 4 sub *Hispanio* la formo estas *Portugalio*; sur p. 6 estas registrita *Korsikujo*, insulo kaj departemento de Francio, kaj *korsiko*, ano de la ĉefgento de Korsikujo, sed sub *Sardlando* sur p. 9 la nomo de la insulo estas *Korsiko*! La manika insulo *Jersey* ricevas la nomon *Ĝurzejo* sed la usona ŝtato *New Jersey* estas esperantigita kiel *Novaĝerzejo*.

### Diskriminacioj

Pro iu tute nekomprenebla kialo, Mee inkludas en sia terminaro la nomojn de la ŝtatoj de Usono sed li diskriminacie preteratentas la kanadajn provincojn, la britajn graflandojn, la francajn departementojn, la germanajn landojn ktp. Du aliaj mankoj, kiuj saltas al la okuloj, estas la malesto de Honduraso kaj Hungario sur p. 4. En kelkaj difinoj la kompilinto emfazas, ke ŝtato estas sen propra marbordo (ekz. Luksemburgo kaj Liĥtenŝtajno) sed li forgesis inkludi tiun gravan fakton en la difinoj de Aŭstrio kaj Ĉeĥoslovakio en Eŭropo kaj Bolivio kaj Paragvajo en Sudameriko. La klarigo pri *Oceanio* mencias, ke ĝi estas la „nomo donita al la insuloj kaj insularoj de la Pacifiko inkl. de Australazio, Polinezio kaj cetere." Nu, tiu „cetere" devas esti Mikronezio kaj Melanezio, ambaŭ mankantaj en Tt.
Enigma estas la situo de Zambio: „ŝtato, respubliko en centra Afriko, sude de Zambio"! *Dakoto* ne estas „unu el la usonaj ŝtatoj"; devas esti resendo al la veraj nomoj de du ŝtatoj, Nord-Dakoto kaj Sud-Dakoto.
Alia formo de diskriminacio tuŝas sinomimojn de landnomoj kiel *Nipono* (Japanio) kaj *Ejro* (Irlando); vane oni serĉas en Tt *Suomio* (Finnlando). Mee informas, ke Katalunujo estas regiono de Hispanio, kie oni parolas apartan lingvon, sed tute silentas pri du aliaj regionoj en la sama lando, kiuj havas la propran lingvon: Galegujo kaj Eŭskujo (Vaskujo). Kvankam Flandrujo kaj Valonujo meritas registraĵon, ne estas eĉ unu vorto pri la lingve diversaj gentoj de Svislando, la alemanoj, romandoj kaj romanĉoj.
Estas eble daŭrigi tiun ĉi kritikon de Tt per pli da citaĵoj. Sufiĉas diri, ke karakterizas la labormetodon de Mee arbitreco kaj kaprico kun rilato al la elekto de nomformoj en Esperanto. Estas ja evidente, ke li ne kompetentas pri leksikografiaj taskoj. Esperantistaj ĵurnalistoj, kiuj akiros Tt, sciu, ke ili ne trovos en ĝi „fidindan liston" de toponimoj, kiu plifaciligos ilian verkadon.

### Abomeninda aspekto

La lasta vorto temas pri la abomeninda tipografia aspekto de Tt, ĝuste ĉar ĝi estas destinita por uzo kiel konsultlibro. La komputere formitaj literoj sur la formate reduktitaj paĝoj estas tiel malgrandaj kaj dense grupigitaj, ke plurloke nomoj kaj vortoj ne estas legeblaj. Lupeo tute ne helpas, ĉar ĝi nur pligrandigas la nigrajn makulaĉojn. Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI) vere devas bedaŭri, ke ĝi aŭspiciis tiun malaltkvalitan verkon.
Bernard GOLDEN

---

## Azia songazeto

**Tokio (sm).** Reza, iranano loĝanta en Japanio, eldonis songazeton „Najtingalo" en printempo 1992, per kasedo ĉ. 90minuta. Tiel raportis la marta numero de *Novaĵoj tamtamas* en Jokohamo. Kiel Reza klarigas, la ideo estas ligi movadojn aziajn kaj informi ekster-azian Esperantujon pri „nia relative nekonata kontinento movade, kulture ktp." Interesiĝantoj kontaktu al C. P. O., Tokio, Box No. 505, Japanio 100-91.

# Kiel eviti malsanon antaŭ ekrano de komputilo?

**En Germanio - kaj en tre multaj aliaj landoj - jam de multaj jaroj tre multaj personoj, laborantaj en kompostejoj kaj redakcioj de gazetoj, uzas komputilojn. Ne ĉie kaj ĉiam tiu laborado antaŭ ekrano estas bona por la sano.**

Pri tiu ĉi temo Germana Ĵurnalista Asocio (germane: Deutscher Journalisten-Verband - DJV) antaŭ kelka tempo publikigis studaĵon, kiun kompilis fakuloj de *profesi-korporacio*. Ĉi tiu korporacio en Germanio, kadre de l' oficialaj social-asekuroj, kompetentas pri la kriterioj por saneco kaj malsaneco de laborlokoj.

Jen do, kion la fakuloj eltrovis surbaze de plurjaraj spertoj pri la tielnomataj *ekran-laborlokoj*, do tiuj laborlokoj, kiujn karakterizas konstanta agado per komputilo kun ekrano de monitoro antaŭ la okuloj:

**1. Profesia malsano**

Du trionoj de laborantoj sur ekran-laborlokoj havas ortopediajn malfacilaĵojn kaj 50 % havas okuldifektiĝon. Pensiojn pro labor-nekapablo oni pagas ĉefe pro gravegaj ĝenoj de l' moviĝa sistemo. La profesi-korporacio konstatas, ke samgrade kiel la kresko de la nombro de ekran-laborlokoj kreskis la nombro de malsaniĝoj de l' moviĝa korp-aparato (kuntiriĝoj de nukaj muskoloj, problemoj de lumbovertebroj). La kaŭzon ĝi vidas en la fakto, ke oni hodiaŭ meze sidadas pli longe sur la seĝo kaj krome ne povas „tien kaj reen gliti" sur ĝi, kiel tio eblas ĉe laboro sen klavaro. Tial la profesi-korporacio taksas tajposkipojn [t. e. grupigo de getajpistoj en unu laborejo - red. de IĴ] la plej malbona el ĉiuj imageblaj organiz-formoj. Ĝi pledas por miks-laborlokoj.

Plifortiĝantajn malsaniĝojn de l' okulo la profesi-korporacio ne povis konstati. Ekzistantaj aŭ kutime estiĝantaj okul-difektiĝoj tamen evidentiĝas pli frue.

**2. Radiado**

La profesi-korporacio raportas, ke momente ne ekzistas ekspertizo, el kiu oni povus konkludi damaĝecon de rentgenaj aŭ magnetaj radioj. Ĝi tamen severe avertas, ke oni ne povas ekskludi restoriskon. Oni ja ankaŭ dum multaj jardekoj opiniis, ke asbesto ne estas danĝera. [Hodiaŭ estas pruvite, ke asbesto estigas kanceron - red. IĴ]

**3. Ekran-alteco**

La profesi-korporacio hodiaŭ nomas „mortpeko", ke en siaj sekurecreguloj por ekran-laborlokoj (ZH 1/618) de 1980 sub paragrafo 4.6.8 ĝi propagis starigi la ekranon en alteco de l' okuloj. Tio estis tiutempe kompromiso, ĉar la lumigado estis tre malbona. Sed la normala senstreĉa rigardodirekto de homo estas iomete dekliva, kion ĉiu mem povas testi. Tiuloke devus aperi la unua linio de l' ekrano. Se ne, oni sekve ekhavas muskol-streĉojn ĉe la nuko, larmantajn okulojn kaj kapdolorojn.

**4. Oscilado**

Ĉiu homo havas - simile kiel ĉe fingropremaĵo - alian frekvencon de oscila kunfandiĝo. 75 % de laborantoj sentas, ke 72 hercoj ne kaŭzas trembriladon (osciladon). La plej granda sentemo estiĝas, kiam la okulo distancas je ĉ. 30 gradoj apude de l' ekrano. La profesi-korporacio tial forte rekomendas, malheligi aŭ malŝalti la ekranon, kiam oni plenumas laboron flanke de la monitoro. Intertempe jam ekzistas programoj, kiuj aŭtomate malheligas la ekranon, kiam dum 30 sekundoj ne estis tuŝita iu klavo.

**5. Koloraj ekranoj**

La profesi-korporacio emfaze pledas por pozitiva prezento (nigra skribo sur blanka ekrano). Ĝi neniel favoras verdajn aŭ sukcen-kolorajn kaj plurkolorajn ekranojn en la kampo de tekstprogramoj, kalkulado kaj ordinara grafiko. Ĉe tiuj ekzistas pli grandaj erareblecoj de konverĝo (teknika problemo) kaj krome nuntempe oni povas atingi nur 60 hercojn. Krome sur ekranaj marĝenoj koloroj diseriĝas, kio kondukas al pli granda streĉo por la okuloj.

**6. Signo-grandeco**

La profesi-korporacio konsilas grandecon de literoj de pli ol 3 mm. Malpli grandaj signoj - kiujn oni precipe uzas en kompostado - nur kondukas al pli forta neceso teni la korpon en malbona pozo, ĉar la maksimuma vid-distanco al la ekrano estas tro proksima al la monitoro. La maksimuman vid-distancon oni kalkulas jene: grandeco de signo oble 190.

Oni strebu al jenaj viddistancoj:

junaj homoj: 45 ĝis 65 cm

pli maljunaj: 65 ĝis 70 cm

Tiel oni devas adapti ankaŭ okulvitrojn.

Por sia rekomendo de pozitiva prezento sur ekrano la profesi-korporacio prezentas kvar argumentojn:

- Tajpisto dum unu tago ĉ. 30 000 foje alternigas la rigardon inter malneto, klavaro kaj ekrano; ju malpli granda estas la diferenco de heleco de tiuj tri, des malpli laciĝas la okuloj.
- Ĉe malhela ekrano-fono la reflektoj estas pli fortaj, tial ĝi devus stari minimume 3 m for de fenestro.
- Ĉe hela ekrano (pozitiva prezento) oni povas sidi vid-al-vide de fenestro (kion oni sentas agrabla).
- Pli bona legebleco.

**7. Lumigado**

La profesi-korporacio rekomendas, la ĝeneralan lumigadon enŝalti en ĉiuj okazoj. Ĝi neniel pledas por lampoj ĉe laborlokoj. La lumintenso nome ne estu pli ol 1 : 3; tio signifas, ke la lumdiverĝoj, kiujn ricevas la okulo, ne estu tro grandaj. Se la lumintensaj cirkonstancoj transiras 1 : 3, la okulo devas pli forte adaptiĝadi.

**8. Aer-humideco**

La profesi-korporacio rekomendas ankaŭ, instali hidrometron, por mezuri la aerhumidecon. Ĝi havu 50 ĝis 60 %. Se la relativa aerhumideco estas malpli granda, la seka aero estigas elektrostatikajn

ŝarĝojn kaj tiuj efikas, ke polveroj estas ĵetataj de l' ekrano al la vizaĝo.

**9. Areobezono**
La profesi-korporacio rekomendas ĉe angule aranĝitaj labormebloj 17 kvadrat-metrojn, cetere 12 ĝis 15 kvadrat-metrojn por unu ekran-laborloko.

**10. Seĝoj**
Oni ofte ŝanĝu sian sidopozon, sed ĉiam atentu, ke oni apogas la lumbovertebrojn. La seĝoj pro tio devas esti trioble varieblaj: dorsapogilo, alteco kaj klinogrado de l' sid-ebenaĵo (ĉi tiu lasta garantiu la sangofluon en la gamboj). Pri la sket-radetoj oni atentu, ke ili konvenu al la plankokovraĵo; la seĝo devas ne moviĝi, kiam oni puŝetas ĝin.

**11. Koloro**
Oni evitu blankajn lakojn de monitoroj kaj tabloj, ĉar per ili la lumintenso fariĝas tro granda. Same oni konsideru, ke malhela plafono sorbas lumon.

**12. Printiloj**
La profesi-korporacio rekomendas laserajn aŭ inkoŝprucajn printilojn (eltajpilojn); ĉiuj aliaj estas tro laŭtaj ĉe laborlokoj. Devas esti eble, ke oni interparoladas ĉe printado je distanco de dek metroj.

***

**Rim. de la red.**: Supozeble multaj el ni, kiuj laboras per komputiloj, povas profiti el la supraj rekomendoj, kiom koncernas la privatan sferon. Sed kiel statas la afero ĉe tiuj el ni, kiuj profesie laboras antaŭ monitoro? Ĉu la rekomendoj kongruas kun via reala situacio? Ĉu en via lando ekzistas entute preskriboj, ĉu aliaj, malpli aŭ pli drastaj? En Eŭropa Komunumo (EK) ekzistas direktivo 96 75/89 de majo 1990, kiu difinas ekran-laborlokon. Laŭ tiu EK-direktivo la koncernaj preskriboj validas en ĉiu okazo, en kiu la ekran-laboro determinas la okupon, do apartenas laŭtipe al la profesio. Por tio, cetere, ne gravas la faktoro *tempodaŭro*, do por apliki ĝin, ne ludas rolon, kiom longe oni sidas antaŭ la ekrano. La EK-direktivo devas fariĝi nacia preskribo en ĉiu EK-lando ĝis fino de 1992.

ESTRAR-ELEKTOJ

# Jen la kandidatoj

Dum la membrokunveno en Vieno ni voĉdonos pri nova statuto; konsekvence necesos ankaŭ nove elekti la estraron de TEĴA. Ĝis redaktofino de ĉi tiu numero de IĴ ne alvenis sinprezentoj de ĉiuj kandidatoj por la estraro. Probable kandidato estos ankaŭ Stano MARĈEK. Ankaŭ dum la membrokunveno eblos prezenti kandidatojn.

**Stefan MAUL**
**Aĝo: 51-jara**
**naskiĝis en Jugoslavio**
**Germano**
**Nuna prezidanto de TEĴA**



Profesia kariero: studis (romkatolikan) teologion, diplomiĝis en 1965, eklaboris kiel redaktoro en pluraj gazet-redakcioj; nun sekciestro de politika informado en taĝĵurnalo *Augsburger Allgemeine*.
Esperantistiĝis en 1957, aktivis diversmaniere en la E-movado, precipe kiel redaktoro (ekz. de *Espero Katolika, Kontakto*), fondis en 1980 internacian sendependan magazinon *Monato* kaj estis ties ĉefredaktoro ĝis fino de 1991. Verkis kelkajn broŝurojn kaj librojn en Esperanto, precipe *Manlibron pri Ĵurnalismo* (unua eldono 1982, dua eldono 1988).
Personaj celoj en TEĴA: se reelektita kiel prezidanto, energie gvidi kaj kunordigi la aktivecojn de la asocio, por ke TEĴA estu vera faka organizaĵo, kiu utilas al la membroj kaj la E-movado ĝenerale.

**Paul P. GUBBINS**
**Aĝo: 42**
**Lando: Britio**

**Nuna vicprezidanto de TEĴA**



Profesia kariero: Ĵurnalisto inter 1979 - 1984; diplomito de brita instanco respondeca pri trejando de ĵurnalistoj. Iama membro de brita ĵurnalista sindikato NUJ (National Union of Journalists). Membro de la redaktora skipo de MONATO.
Ankoraŭ informiĝas pri gazetaraj/amas-komunikilaj aferojpere de mia edzino (programrespondeculo ĉe urba radiostacio de la ŝtata radio BBC).
Nuntempe lekciisto pri lingvoj (ĉefe la germana) ĉe politekniko en nordangla urbo Salford. Doktoriĝis en Kanado en 1978. Aperigas artikolojn en la angla, foje en la germana, pri lingvaj/kulturaj temoj en fakaj revuoj. Tradukis romanon el la germana anglen.
Aktivas en la brita Esperanto-instruista asocio kaj organizas E-kursojn (ekz. dum la somero, kaj pro tio ne povas ĉeesti UK-on).
Personaj celoj en TEĴA: kunkrei viglan, plejeble altnivelan asocion por prosperigi, ja surmapigi en Esperantujo ĵurnalismon - sendube el ĉiu esperanta kultur-agado la „neglektata arto".
Preferata agadkampo: helpi al neprofesiaj verkantoj en la E-gazetaro krei respektatajn, legindajn artikolojn kaj samtempe forigi amatorecon kaj diletantismon; starigi rilatojn kun la ne-esperantista gazetara kaj radia/televida mondo (ĉefe en anglelingvaj landoj) por atentigi pri Esperanto kaj establi etoson, kiu favoras la internacian lingvon.

**GEORGIEV**
**Evgeni**
**37jara**
**bulgaro**
**nuna ĝenerala sekretario de TEĴA**



Profesia kariero: ekde 1979 ano de la redakta komitato de revuo *Bulgara Esperantisto*, ekde 1982 salajrata redaktoro ĉe la sama revuo ĝis 1992; ekde 1983 kunlaboranto kaj teknika prizorganto de *Internacia Ĵurnalisto* (ĝis 1988); kontribuado per diversspecaj ĵurnalismaj materialoj al la bulgara nacilingva ga-

zetaro; ekde februaro 1992 regula korespondanto de turisma semajngazeto *Eĥo* (Sofio, Bulgario) en Aŭstrio, samkiel kunlaboranto ĉe bulgaraj negocaj ĵurnaloj; ekde 1991 kunlaboranto de revuo *Monato* kaj ekde 1992 redaktoro de ties rubriko „hobio"; membro de Asocio de Bulgaraj Ĵurnalistoj kaj de Asocio de Eksterlanda Gazetaro en Vieno.
Personaj celoj en TEĴA: apliki ĉiujn miajn fortojn por pli decida enŝalto de TEĴA en la disvastigo de Esperanto en la mondaj amaskomunikiloj kaj en la starigo de regule funkcianta internacia gazetara servo de la esperantistaro.
Preferota agadkampo: ĝenerala sekretario de TEĴA.

**Dino FABRIS**
**naskiĝis 29.12.1917**
**Italio**

**Nuna kasisto de TEĴA**



Mezlerneja instruisto (d-ro, profesoro), pensiulo. Instruis italan lingvon kaj literaturon, historion kaj geografion, socian kaj juran edukadon, francan kaj esperantan lingvojn. Esperantisto de 1951, eksprezidanto kaj nuntempa ĝenerala direktoro de Itala Instituto de Esperanto. Dum multaj jaroj oficis kiel sekretario/kasisto de TEĴA.



**Lech KOSIENIAK**
**68-jara**
**polo**

**nuna estrarano de TEĴA**

Profesia ĵurnalisto de 1948, redaktoro, vicĉefredatoro, ĉefredaktoro de tag-, semajn-, monat-gazetoj en katolika sfero, redaktoro de *Pola Esperantisto*, kunlaboranto de *Heroldo de Esperanto* kaj Esperanto-fako de Pola Radio. Membro de la Asocio de Ĵurnalistoj de Pola Respubliko, Internacia Asocio de Ĵurnalistoj (O.I.J.), Internacia Asocio de Ĵurnalistoj-Filatelistoj.

Personaj celoj en TEĴA: proksimaj kontaktoj kun E-ĵurnalistoj, helpo por adeptoj de E-ĵurnalismo, interŝanĝo de fakaj spertoj. Preferota agadkampo: helpo en organizaj kaj edukaj aferoj.

**Davor GRGAT**
**naskiĝis 10 okt 1935**
**kroato**
**nuna estrarano de TEĴA**



Lernis la metion de murpentrado kaj meblokolorigado, en 1979 frekventis ĵurnalistan lernejon kaj de tiam aktivas en tiu ĉi profesio.
Esperantistiĝis en 1954 en Split kaj de tiam aktivas en la E-movado en pluraj funkcioj. Kunlaboranto de diversaj E-gazetoj. Redakciano de *Tempo* (gazeto de Kroatia E-Ligo), kunlaboranto de *Slobodna Dalmacija* (loka ĵurnalo de Split) kaj Radio-Televizio Zagrebo. Membro de Kroatia Ĵurnalista Societo.



**Aleksander KORĴENKOV**
**naskiĝis 23 maj 1958**
**ruso**
**vic-prezidanto de Ruslanda Esperanto-Asocio**

Naskiĝis en urala urbeto Kamyslov. Post la fino de mezlernejo kaj industria instituto laboris kiel inĝeniero en Tjumeno kaj Jekaterinburg. Ekde la fino de 1991 redaktoro en eldonejo UralSovety (Esperanto-fako).
Esperantistiĝis en 1976 en Tjumeno. Pluraj movadaj okupoj. Kunlaboras en Esperanto-gazetaro de 1978 per artikolj, recenzoj, prilingvaj kaj literaturaj eseoj, tradukoj.
Mi redaktis kaj redakcianis en kelkaj gazetoj, i. a. *Ekzakte, Sezonoj, IL de TRE* (regiona). Nun mi estas ĉefredaktoro de *La Ondo*, redakciano de *Ruslanda Esperantisto* kaj membro de la redakta stabo de *Literatura Foiro*. Dum pluraj jaroj mi okupiĝis pri eldonado de la samizdata literaturo kaj nun eldonas ĝin oficiale.
Mi havas edzinon (Halina Gorecka) kaj du infanojn.
Mi pretas labori en TEĴA, ĉefe pri ruslandaj aferoj, sed ankaŭ internaciskale, kie eble mia sperto povos doni almenaŭ etan utilon.

---

## Nova inform-agentejo

**Moskvo (dpa).** Post 60 jaroj Telegrafnoje Agentstvo Sovjetskovo Sojusa (TASS) fine de januaro 1992 perdis sian siglon. La iama oficiala sovetia inform-agentejo nun nomiĝas ITAR-TASS. La mallongigo ITAR signifas Informazijonnoje Telegrafnoje Agentstvo Rossii (Inform-Telegraf-Agentejo de Ruslando). La agentejo komentis la ŝanĝon de nomo tiel: „Tio estas nur ekstera signo de profundaj ŝanĝiĝoj kun la celo, varbi por internacia apogo al la rusaj reformoj. Ni malfermas novan paĝon en la historio de l' inform-agentejo."



## LETEROJ

Skribu al
Stefan Maul
Pferseer Str. 15
D-W-8900 Augsburg
FR Germanio

## AMATOROJ

**Pri la membreco en TEĴA rezonas *s-ro Aleksander Korjenkov*, Ruslando:**

La nocio esperantisto-ĵurnalisto estas iom svaga. Mi bone komprenas la ideon pri la asocioj de esperantistaj matematikistoj, samseksamuloj, goistoj kaj de aliaj. Ili estas matematikistoj k. a. profesie, sed esperantistoj lingve. Ne ekzistas iuj specifaj matematikistoj-esperantistoj, kiuj okupus sin per esperantista matematiko (nu, eble krom movadaj statistikoj k. s.). Sed TEĴA kvazaŭ tegmentas du specojn:

- ĵurnalistoj, kiuj scias la lingvon. Tute ne ĉiam ili uzas la lingvon en sia profesia agado.
- esperantistaj ĵurnalistoj, kiuj havas aliajn profesiajn engaĝojn, sed amatore verkas por la Esperanto-gazetaro aŭ redaktas aŭ eldonas.

La interesoj de la du kategorioj ne ĉiam identas. La unuan kategorion interesas, ĉefe, la nacilingva gazetaro kaj la kondiĉoj de la profesia laboro alilande. La dua kategorio malpli interesiĝas pri la problemoj profesiaj kaj sociaj de neesperantistaj ĵurnalistoj (eĉ de sialandaj), sed metas la ĉefan atenton al la problemetoj de la Esperanto-gazetaro. Tiuj du grupoj povos iam havi koliziojn ĉe ellaboro de la prioritatoj de TEĴA.

Plu: kio estas la kriterio pri la ĵurnalisteco (laŭ la statuto - profesia aŭ amatora) de tiuj esperantistoj, kiuj kelkfoje jare sendas raporton pri klub-kunveno aŭ tendaro - ĉu tiu estas jam esperantista ĵurnalisto? Kaj tiu, kiu laboras profesie en gazeto, sed nur helpas al siaj samideanoj aperigi artikolon en sia gazeto, ĉu ankaŭ tiu?

Plia rimarko: ĉu la organizo, kiu nomas sin tutmonda (sic!), povas efektive esti tia, se en ĝia estraro estas nur eŭropanoj? La sperto de la efektive tutmondaj

*(daŭrigo p. 15)*

# LABORPLANO de TEĴA

**Diskutota dum la membrokunveno en Vieno**

**Tujaj celoj:**

**1. Membraro.** Gravas, ke aliĝas al TEĴA pli da membroj. Ju pli da anoj, des pli forta nia voĉo kaj en kaj ekster Esperanto-rondoj. Do substrekindas, ke TEĴA ekzistas ne nur por profesiuloj, sed ankaŭ por ĉiuj, kiuj iel kontribuas al vasta gazetara, radia, revua, inform-bultena, cirkulera Esperanto-mondo. Tamen homoj ne aliĝos, se ili ne vidos en TEĴA praktikan profiton. Dezirindas, ke TEĴA estu konata kiel help-organizaĵo, ke realiĝu kreskanta membraro per

**2. Trejnado.** En la enketo en IĴ 1/91, 71,8 % de respondintoj petis informon pri kiel laŭeble bone verki/redakti en Esperanto-gazetoj. Ĵurnalistoj (esperebIe) ne bezonas tian trejnadon, tamen ili povas - kaj por antaŭenigi TEĴA-on devos - gvidi neprofesiulojn sur tiu kampo. Trejnado tiel realiĝu:

2.1. per praktikaj trejnado-sesioj dum UK-oj;
2.2. per samaj dum naciaj kongresoj;
2.3. per samaj eventuale dum fakaj kongresoj (ekz. fervojistaj);
2.4. per aparta seminario pri trejnado;
2.5. per helpaj artikoloj, demando-kaj-respond-rubriko en IĴ.

Per la kvar unuaj disvastiĝos informo pri TEĴA inter „ordinaraj" esperantistoj, kiuj aniĝos, vidante ke TEĴA proponas praktikan helpon kaj konsilon. Alivorte: TEĴA „vendu" siajn varojn (t. e. spertojn) al klientaro.
Ekz. unuopaj membroj povus organizi nome de TEĴA kaj kadre de siaj naciaj kongresoj kiel-verki-gazetare-seminariojn. Praktika sesio inkluzivu ekz. analizon de modele bonaj/malbonaj artikoloj aŭ verkigan ekzercon.

**3. Internacia Ĵurnalisto.** Nepras subteni la redaktoron de IĴ per artikoloj pri la temaro listigita en IĴ 2/92, p. 3; krome pri recenzado kaj normoj verki recenzojn. [Ĉu paco/libero/ekologio/maljusteco/Tria Mondo - kiel proponitaj de unu membro - taŭgas kiel temoj, diskuteblas: ĉu ne ekzistas aliaj organoj (Monato, fakaj revuoj) por ventoli tiajn aferojn?]

Ĉiu nuna membro kontribuu pri eroj koncerne sian profesion, sperton, vidpunkton - kaj ju pli vigla, pensiga, vasta la artikolaro, des pli leginda, aboninda la revuo, pri kiu oni fieru en la neesperanta mondo.

**Aliaj - eble malpli urĝaj - celoj**

Unue marŝi antaŭ ol kuri. Sen sufiĉe impona membraro, sen montri aktivecon en la Esperanto-mondo, sen prestiĝa revuo, neniu - egale, ĉu en aŭ ekster Esperantujo - atentos nin: male, ni simple nin ridindigos. Tamen pripensindaj estas:

**1. Rilatoj kun ne-esperantaj organizoj** - ĉefe enpenetro de prikaj per-esperantaj eroj en neesperanta gazetaro; kontaktoj kun ĵurnalistoj, kiuj simpatias al Esperanto; disvastigo de baza lando-principo de Monato;

**2. Ĵurnalista jarlibro** - adresoj ktp. de redaktoroj, verkistoj, radiostacioj, fotografoj (bona propagandilo por sendi al la neesperanta gazetaro, tamen eble multekosta);

**3. Premio** - Esperanto-ĵurnalisto de la jaro, eventuale kadre de Belartaj Konkursoj de UEA (por respektigi nian fakon ene de la movado kaj por speguli tion koncerne premiadon, kio okazas ekster ĝi);

4. **Komputoroj** - kunordigo de komputoraj retoj, por faciligi transdonon de informo ene de Esperantujo kaj por starigi kontaktojn kun eksteraj organizoj (vidu 1, supre). Ĉu inter ni estas fakulo(j)?

5. **UK** - TEĴA organizu/helpu la kongresan gazetaron servon.

Paŭlo GUBBINS, vicprezidanto de TEĴA

---

*(LETEROJ - daŭrigo de p. 14)*

organizoj (ne esperantistaj) montras, ke en la gvidorganoj (eĉ se nur formale) kutime estas reprezentantoj de Usono, Sovetio (nun, Ruslando) plus Japanio aŭ Ĉinio.

## NE UTILAS

***S-ro Lucien Giloteaux*, Francio, eldonanto de bulteno *Mallonge*, kritikas la enhavon de IĴ:**

Jen kelkaj demandoj miaj: Ĉu IĴ utilos al profesiaj ĵurnalistoj? Ne, laŭ mia sperto. Redakciano de loka/regiona nacilingva gazeto kapablas/devas verki pri iu ajn temo. Kiel esperantisto - aktiva aŭ ne - li/ŝi certe povas verki ankaŭ pri Esperanto-okazaĵo (se li/ŝi tion deziras).
Ĉu IĴ utilos al neprofesiaj ĵurnalistemaj homoj? Jes, se ĝi unuavice enhavas praktikajn spertojn kaj ekzemplojn de artikoloj, kiuj efektive aperis. Plej interesaj ekzemploj: manuskriptoj, kiuj aperis en unu aŭ eĉ pluraj lokaj ĵurnaloj, sen iu ajn ŝanĝo (titolo, subtitoloj, fina frazo, eventuala foto, longeco).
Laŭ vi, la 32 ricevitaj respondoj (eble pli nun) ebligis al vi klaran rezulton. Eble jes, eble ne, mi restas skeptika tiurilate.
Alia ofta aserto: „Mankas materialo por verki pri Esperanto." Strange, danke al pluraj revuabonoj, partopreno en landa kaj eksterlanda E-vivo, kontakto kun eksterlandaj ĵurnalistemuloj ktp., materialo (almenaŭ por mi) ofte estas tro abunda. Mi tre ĝojas tiam, ĉar eblas elekti, laŭ la kutima enhavo, stilo ktp. de la koncerna(j) loka(j) gazeto(j). Ĉiujare, revenas temoj, kiuj taŭgas (kun variantoj, ĝisdatigoj, plibonigoj):
- Vizito de interesa eksterlandano (aŭ de homo en kies lando viglas Esperanto-asocio); ĉu estas klub-kunveno aŭ privata akcepto, artikolo, ofte samlonga artikolo eblas.
- Apero de nova UEA-jarlibro, Pasporta Servo ... kun mencio de delegito(j) en la regiono, urbo.
- Interesa vojaĝo al malproksima eksterlando, tute aŭ nur parte per Esperanto (Azio, Aŭstralio, Islando).
- Interesa korespondaĵo, lige kun aktuala evento.
- Urboj, kiuj ĝemeliĝis (ĉiuj lokaj asocioj kaj E-kluboj).
Pri la daŭre aktualaj temoj mi eble kompilos broŝuron kun ekzemploj-artikoloj.

*Rim. de la red.: Interese, ke la supre listigitaj temoj (kaj pliaj) ankaŭ troviĝas en la dosiero por ĵurnalistoj, pri kiu vi povas legi en ĉi tiu numero de IĴ. - Se interesas vin la bulteno, jen la adreso:* MALLONGE, L. Giloteaux, 3/6 allée Béranger, F-59170, Francio.

## RADIO-ĴURNALISMO

***S-ro Orlando RAOLA González*, Kubo, ĉefredaktoro de *Avanco*, organo de Kuba Esperanto-Asocio, skribas:**

Mia alia ĵurnalisma agado rilatas al radioĵurnalismo. Indas, ke ni trovu manieron speguli la laboron de Esperanto-ĵurnalistoj en la nepresitaj komunikiloj sur la paĝoj de via revuo.
Mi esprimas la pretecon kunlabori kun TEĴA kaj kun IĴ. Mi esperas vian komprenemon kaj helpon, ĉar mi loĝas en subevoluinta kaj socialisma lando; tamen mi kredas, ke ankaŭ ni, el ĉi tie, povas iel kontribui al la celo utiligi la Internacian Lingvon por inform-interŝanĝo kaj senpera komunikiĝo, kio nepre rezultos en reciproka riĉiĝo de la partoprenantoj.

## POR SEMINARIO

**Konkretajn proponojn faras *Andrzej PETTYN*, redaktoro de Pola Radio:**

Legante la opiniojn en n-ro 2/92 de IĴ mi konstatis, ke multaj estas tute realaj kaj subtenindaj. Mi mem apartenas al tiuj esperantistaj ĵurnalistoj, kiuj legas konstante kelkdek revuojn kaj bultenojn kaj mi pensas, ke eble en proksima estonteco oni povus organizi en Poprad, kiu ja troviĝas centre inter oriento kaj okcidento de Eŭropo, kelktagan seminarion por redaktoroj de E-gazetaro. Unuflanke la seminario donus eblecon interŝanĝi spertojn, aliflanke ĝi povus helpi iujn ne tute spertajn redaktantojn. Cetere, en la seminario povus partopreni krome redaktoroj de radioelsendoj, mi celas ankaŭ tiujn de proksimradio-stacioj, kiuj pli kaj pli ofte utiligas Esperanton.
Se temas pri Esperanto-informagentejo, ĝi certe estus bonvena, sed mi timas, ke pro la financaj kialoj malfacile realigebla. En la nuna situacio tian rolon parte povas plenumi radioelsendoj kaj *Eventoj*. Jam nun fragmentoj de la E-elsendoj de Pola Radio estas uzataj de redaktoroj de la E-elsendoj de proksima radio en Svedio, i. a. en Malmö kaj Vesterös. Aliflanke ĵurnalisma gvidlibro povus esti utila ne nur por ĵurnalistoj, sed ankaŭ por instruistoj, organizantoj de E-aranĝoj ktp. Sed kiu povus eldoni ĝin?
En la proksima estonteco oni prefere ne tro multe parolu pri portretoj de meritplenaj esperantistaj ĵurnalistoj, sed pli da atento oni dediĉu al la evoluigo de la E-gazetaro, al eltrovado de rimedoj por legemigo de nia esperantistaro.
Mi pensas, ke IĴ povus esti utila ankaŭ al E-eldonistoj, kiuj ne havas sian propran revuon, kaj al bibliotekistoj. Kiel ĵurnalistoj ni devus interesiĝi pri libroeldonado, pri la frontataj problemoj ktp.

*Rim. de la red.: Ĵurnalisma gvidlibro, pri kiu parolas Pettyn, fakte jam ekzistas kaj tute taŭgas por la menciitaj celoj: Manlibro pri Ĵurnalismo. eld. de Flandra E-Ligo.*

## LINGVO

### BRODKASTI

**Kiel jam en *Inter-Monato* 2/90 (reagoj aperis en 3/90), Bernard Golden nun pledas ankaŭ en *Fenomeno* 4/92 por la verbo „brodkasti".**

Li argumentas, ke ĝi estas „malnova neologismo" kaj troveblas en multaj vortaroj. Li konkludas: „Ne estas iu racia kialo rifuzi la eniron de ‚brodkasti' en la vortprovizon de Esperanto. Pruvo, ke ‚disaŭdigi' ne estas sinonimo, estas la uzo de ‚radio', ‚radie' aŭ ‚radiofonio' en la difinoj formulitaj de vortaristoj por precizigi la specon de disaŭdigo, kiu karakterizas brodkastadon."
Kion opinias niaj gekolegoj, kiuj laboras en radiostacioj?
sm

## REVUO DE REVUOJ

### *INTERESAJ ARTIKOLOJ EN ESPERANTO-GAZETOJ*

**FRANCA ESPERANTISTO**
organo de Unuiĝo Franca por Esperanto
nun estas presata sur reuz-papero. En la decembra numero de 1991 sur la frontpaĝo aperis foto kun la informo, ke „ne vekiĝis" Gaston Waringhien la 20an de decembro matene; supre de la foto oni legas ke li „forlasis nin". El aliaj informfontoj mi tamen scias, ke li mortis. Sub la foto - kaj tiu ĉi vorto plej multe mirigis min - oni legas: „Korpolevo de la granda esperantisto okazis la 24an en Nanterre." De tiam mi cerbumas, kio povas esti *korpolevo* ...
sm

**ESPERANTO**
organo de UEA
al sama Gaston Waringhien dediĉis preskaŭ la kompletan numeron de februaro 1992, kun multaj artikoloj de multaj konataj geesperantistoj. Certe numero de l' revuo, kiun oni nepre konservu!

**EL POPOLA ĈINIO**
en n-ro 4/92 sur p. 16 kaj 17 aperigis ampleksan artikolon de Bernard Golden sub la titolo „Urĝe bezonata: PAF (Plena Analiza Fonetiko)". Temas pri la prononco de Esperanto kaj tiukampaj problemoj. Golden proponas, publikigi manlibron akompanatan „de diskoj aŭ kasetoj, kies sontekstoj estu transskribitaj en la Internacia Fonetika Alfabeto". Artikolo rekomendinda precipe al niaj gekolegoj en radiostacioj.

**EVENTOJ**
Internacia Sendependa Revuo pri la Esperanto-Movado
La kvara numero de l' dusemajna gazeto atingis min en majo. Eble kulpas poŝtaj problemoj, ke en ĝi mi legas pri konferenco, kiu okazos - sed jam okazis, kiam mi legis - en Poprad. Pri la tie okazinta seminario pri informado de fino de februaro nur nun aperas artikoloj. De dusemajna gazeto mi atendas iomete pli aktualajn informojn. Sed por juĝi ĝenerale, estas certe tro frue. *Eventoj* memorigas iomete pri la iama *Budapeŝta Informilo*. Nu, ni vidos, ĉu la redakcio trovos sian propran vojon.
sm

**LA PARTIO**
organo de Radikala Partio, Italio
Impona denove estas la E-eldono de ĉi tiu gazeto (marto 1992). Ĝi enhavas ekz. abundan materialon pri (pli ĝuste kontraŭ) mortpuno.

**ESPERANTO AKTUELL**
organo de Germana E-Asocio
Aperis jam la tria numero post la transiro al duobla eldonado: alternas numeroj en germana kaj internacia lingvo. Ĝisnuna impreso: tre bona nivelo kaj laŭ enhavo kaj laŭ grafika aranĝo.

## PERSONE

**Evgeni GEORGIEV**, ĝenerala sekretario de TEĴA, eniris la redaktoran skipon de MONATO. Li zorgas en la magazino pri la rubriko „Hobio".

**Gilbert R. LEDON** ĵus eldonis novan libron „Al la tero returne". La celon de sia verko en la enkonduko li skizas i. a. jene: „... montri praktikajn faktojn, kiuj povus alporti ekzemplojn por prfunda socia kaj individua vivplibonigo ... kaj elsavo de nia mondo fronte al la nun videbla finpereo". La libro estas havebla ĉe la kutimaj libroservoj; prezo 8 usonaj dolaroj.

**Márta KOVÁCS**, kiu jam teknike kunredaktis la revuon, nun estas nova redaktorino de *Internacia Pedagogia Revuo*. La mezlerneja profesoro pri lingvoj kaj literaturoj hungaraj, francaj kaj Esperantaj vivas en Budapeŝto. Ŝi volas restarigi redaktan komitaton, por ke la revuo iĝu pli internacia.

**Francisco Luis VEUTHEY**, 26jarulo el Argentino, estas nova redaktoro de *Kontakto*. Filo de kroatida patrino kaj svisfrancida patro li studis pianon, desegnon, anglan lingvon kaj teatron, laboris kiel instruisto, poste dum du jaroj loĝis en Brazilo kaj nun laboras en CO de UEA. Li anoncis, ke oni forigos laŭtemajn numerojn de *Kontakto*. „La revuo devas esti plej diversa por plaĉi al ĉiuj," li diris en intervjuo kun *TEJO Tutmonde*.

**Jukka PIETILÄINEN** estas redaktoro de revivigita revuo *Norda Prismo*; kunredaktoro estas **Jaan OJALO**. Provnumerojn - IĴ ankoraŭ ne ricevis - oni povas peti ĉe la eldonanto: Lasse Kivistö (Mendoservo AK), Kiviströntie, Ossio, Hyvinkää, Finnlando.

**Stefan MAUL** estas la kompilinto de broŝuro *Falsaj amikoj* por germanaj esperantistoj, kiun ĵus eldonis Pro Esperanto, Vieno.

**István ERTL**, nun redaktoro de *esperanto* de UEA, tradukis el latina lingvo la verkon *Pri feliĉa vivado* de Seneko. Eldonis VoKo, Nederlando.

**Peter ZACHO**, multjara redaktoro de *Horizonto* (kies lasta numero aperis en 1987) kaj fidela subtenanto de **Ivo LAPENNA** post ties eksiĝo el UEA, mortis en decembro 1991, kiel ni eksciis nur nun.